


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2014.4

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# PENSOJ POST LA 66-a IFEF-KONGRESO

Denove finiĝis IFEF-kongreso, kiu okazis en la belega itala urbo San Benedetto del Tronto. Laŭ mia opinio tiu kongreso sukcesis bonege! Partoprenis 136 esperantistoj el 19 landoj. Tiuj nombroj estas akcepteblaj, precipe tiam, se ni ekzamenas la nunajn cirkonstancojn kaj en Eŭropo kaj en la tuta mondo. Ni vane revas pri tiuj jaroj, kiam la nombroj de la partoprenantoj en la IFEF-kongresoj atingis la kvincent numerojn, eĉ kelkfoje pli. Do pro tio la plej grava tasko estas altigi la membro-nombron de la kongresoj kaj de la landaj asocioj. Sed ankaŭ estas simile grava tasko instigi la ekzistantajn membrojn por efike agadi, por partopreni en la kongresoj kaj en aliaj kunvenoj, ĉefe en la klubkunvenoj, pli efike aktivadi en la movada laboro.

Helpe de la kongrespropono de Martin Stuppnig, Honora Membro de IFEF, ni devas savi la malmultnombrajn kaj reorganizi la ĉesigintajn landajn asociojn. Ankaŭ la prezidantino de IFEF preparis proponon por nova Strategia Laborplano, laŭ kio la plej grava tasko estas establi novajn laborgrupojn por plibonigi la fervojistan agadon sur ĉiuj terenoj de la Esperanto-movado. Venis kelkaj interesaj kaj utilaj proponoj fare de la komitatanoj en la kadro de la komitatkunsidoj, eĉ estas disponebla por ni altvalora kaj utiligebla studaĵo kun la titolo „Vojoj al sukceso” fare de Heinz Dieter Hartig. Ni havas teoriojn, nun jam ni devas apliki tiujn teoriojn kaj proponojn en la praktiko.

Ni devas preni ekzemplon kaj modelon de UEA, kies nova estraro konceptis la farendaĵojn por kreski la membro-nombron, por plibonigi kaj vigligi la movadan vivon, por disvastigi la agadojn de la landaj kaj fakaj asocioj.

Do tiuj pensoj venis al mia kapo post la 66-a IFEF-kongreso. Se ni ĉiuj kunlaboras por nia granda kaj nobla celo, popularigi nian ŝatatan Esperanton, helpe de tiuj rimedoj kaj proponoj la rezulto ne mankos.

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:

**PARTOPRENANTOJ DE LA 66-a IFEF-KONGRESO**

## ENHAVO:

# La 66-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO KONGRESO 17 - 24 majo 2014



La kongresejo

Jam la sesan fojon fervojistoj kongresis en Italio. Ĉi-foje la evento okazis en San Benedetto del Tronto, kiu situas ĉe la Adriatika marbordo proksimume 300 kilometrojn sude de Bolonjo. Ĝi estas precipe turisma urbo ornamita per palmoj. Ili beligas la urbon laŭlonge de la strandoj. La pasantoj ĝuas ilian agrablan ombron ankaŭ en promenejoj kaj stratoj. Ĉe la havena moleo impresas reliefe skulptitaj kaj pentritaj ŝtonblokoj, kie multaj vizitantoj ŝatas promeni kaj admiri tiujn nekutimajn artaĵojn.

136 geesperantistoj partoprenis la kongreson el 19 landoj. La plej malproksimaj venis el Ĉinio, Israelo kaj Kubo. La ĉina delegacio venis ĉefe por inviti la partoprenantojn al la venontjara fervojista kongreso okazonta en la urbo Kunming de Ĉinio. Estis prezentata mallonga filmo por montri al ni la medion, en kiu oni kongresos.




La ĉefkomitatano salutas la kongreson

La kongreso okazis en la kvarstela hotelo Calabresi, kie ni estis varme akceptitaj kaj bone nutrataj per bongustaj manĝaĵoj. La hotelo estas bone lokita apud la urbocentro kaj tute proksime al la plaĝo, kiu longas je kvar kilometroj. En la kunvensalono de la urbodomo estis instalita ekspozicio de miniatura


La riviero de palmoj

regiona fervojlinio kun funkciantaj trajnetoj. Vid-al-vidaj paneloj informis pri la okazanta kongreso kaj pri Esperanto. La balustradon de la hotelo ornamis granda banderolo anoncanta la kongreson kaj apude estis fiksita verda E-flago videbla de malproksime. Do multaj preterpasantoj eksciis pri la ekzisto de Esperanto. La ĵurnalistoj montris grandan intereson pri la evento. Okazis pluraj intervjuoj kaj aperis multaj artikoloj en lokaj ĵurnaloj, elsendoj en radio kaj en televido.

Dum la solena inaŭguro bonvenigis nin la prezidanto de LKK Vito Tornillo, la honora prezidanto de IFEF Romano Bolognesi, la vicprezidanto de itala E-Federacio Renato Corsetti, la posedanto de la hotelo Fausto Calabresi, la skabeno de la urbodomo kaj la lokaj fervojistoj. Nome de UEA salutis kaj bondeziris sukcesan kongreslaboron Barbara Pietrzak. Salutvortojn aldonis ankaŭ Lina Gabrielli, konata itala poetino. Sekvis salutoj de reprezentantoj de la landaj asocioj. LKK-anoj ricevis donacojn de kelkaj salutantoj. Jindřich Tomíšek la ĉefdelegito de IFEF legis alvenintajn salutmesaĝojn. La prezidantino de IFEF Rodica Todor honorigis meritplenajn personojn per diplomo kaj post sia festparolado ŝi malfermis la kongreson.


La komitato de IFEF kunsidas

Poste sekvis komuna fotado antaŭ la hotelo.

Dum la kongresa semajno okazis pluraj labor- kaj komitatkunsidoj,

prifervojaj fakprelegoj. Vito Tornillo preparis du ĉefprelegojn kun la titoloj „La nova Bolonja stacio por grandrapida trafiko”, kaj „La novaj italaj motorvagonaroj *Freccia Rossa ETR 1000* por grandrapidaj trajnoj”. Okazis entute ses fakprelegetoj fare de fakuloj el 5 landoj. Kunvenis ankaŭ terminara sekcio de la Faka Komisiono por decidi pri kelkaj fervojaj terminoj. Rodica Todor proponis ŝanĝojn kaj reorganizadon de la strukturo en IFEF kaj iniciatis grupan laboron laŭ la modelo de UEA. Oni informis pri movadaj aferoj kaj novaĵoj el la fervoja mondo. Interesis novaĵo el Japanio pri refunkciigita Sanriku-fervojo nur kvin tagojn post la tertremo kaj cunamo en la jaro 2011. Krome estis proponita baza Esperanto-kurso de ILEI.



*Kun la membroj de la “Dopolavoro”*

La partoprenantoj ĉiutage ĝuis vesperajn kulturajn programerojn. Kantis por ni Grazia Barboni akompanante sin per gitaro, Manuel Rovere regalis nin per romantikaj kantoj kaj de la Trio “Malamuzika” ni aŭskultis napolajn melodiojn. Tre agrabla estis la vespero ekstere en la apuda parko, kie ni aŭskultis belajn italajn melodiojn el la sesdekaj kaj sepdekaj jaroj kaj samtempe ni ĝuis dancprezenton. Ne mankis folklora prezento kaj posta dancado sub stelplena ĉielo. Surprize nia ĉina samideano kantis itale “O Sole Mio”.



*La ĉinoj transprenas la kongresan flagon*

Dum la ekskursoj estis eble viziti Marmuzeon. Kun loka ĉiĉeronino ni promenis tra la urbo aŭskultante klarigojn pri ĉiuj modernaj kaj novstilaj

skulptaĵoj. Tre enhavriĉaj estis la kongresaj kaj postkongresaj ekskursoj! Ni vizitis la urbon Ascoli Piceno, kie ni estis akceptitaj en la urbodoma kunvenejo. En Loreto ĉarmis la Sankta Domo, en Recanati palaco Leopardi de la 18-a jarcento, en Castelfidardo ni admiris kolekton da akordionoj kaj viglan akordioniston, kiu regalis nin per gajaj muzikaĵoj. En Ancona ni renkontis s-ron Aldo Grassini, kiu en ĉi loko iniciatis taktilan muzeon “Omero”. Oni povas tuŝi ĉiujn objektojn. La muzeo estas konceptita ĉefe por blinduloj. La urbo Ripatransone ĝueblas per sia historia centro kaj famas pro la plej mallarĝa strateto en Italio. En la vilaĝo Offida - ĉirkaŭata de vinberejoj - ni gustumis tieajn vinojn, kiujn ni povis poste aĉeti. Ĝis nun estas en la urbo praktikata tradicia punto-arto.

La postkongresaj ekskursoj gvidis nin unue al Frasassi-kavernoj. Admirinda sceno atendis nin subtere. En la urbeto Civitella del Tronto troviĝas la dua plej granda defenda konstruaĵo en Eŭropo. Ni trapasadis tiun fortikaĵegon de unu ekstrema flanko al alia. La postkongresan ekskurson ni finis en la urbo Fermo.




La italaj esperantistoj preparis enhavoriĉan kongreson en agrabla ĉemara loko. Laŭdinda estas la belaspekta ilustrita kongresbroŝuro kun bonvenigaj paroladoj de diversaj personoj kaj informoj pri ĉiuj okazontaĵoj, pri vizitotaj lokoj dum la ekskursoj. Krome estis eldonitaj tre belaj bildkartoj kaj glumarkoj respegulantaj trafan fervojan simbolon. Ni povis ĝui senpagan tutsemajnan busveturadon tra la tuta urbo. Funkciis ankaŭ libroservo provizita de Petro Chrdle el Ĉeĥio. Ĝuante, ĝojante kaj distriĝante plene ni havis tre bonan impreson pri la ĉi-jara fervojista E-kongreso. Ĝi estos memorinda pro abundaj kaj tre bongustaj manĝoj en la hotela restoracio Calabresi.

Koran dankon meritas niaj italaj kolegoj kaj ĉiuj, kiuj kontribuis al bona disvolviĝo de la evento kaj amplene zorgis pri la bonfarto de ĉiuj partoprenantoj!

**Liba Gabalda**

## Salutvortoj de la IFEF- prezidantino dum la Solena Malfermo de la 66-a IFEF-kongreso

Estimataj Gastoj, karaj Ĉeestantoj, karaj Organizantoj,



Kore mi bonvenigas vin en la 66-a IFEF kongreso en San Benedetto del Tronto, kien la italaj kolegoj invitis nin la sesan fojon al ilia lando.
Por la plejmulto inter ni Italio signifas historion, arkitekturon, muzikon, literaturon, pentradon, filmon, karnavalon, kuirarton, unuvorte…ĝermon aŭ esencon de la kulturo kiu influis Eŭropon, sed ne nur…ĉar ĝi estas turisma celpunkto kaj revo por homoj - alvenantaj el ĉiuj anguloj de la mondo.
Kiom grade nia nuna perspektivo pri Italio ŝanĝiĝos post la partopreno en tiu kongreso organizita en la ĉefa banurbo de provinco Ascoli Piceno kaj unu el la plej belaj en Italio, ni konstatos fine de tiu ĉi semajno dank` al niaj travivaĵoj ĉi tie. Ĉar ni kongresos en unu inter la plej admirataj, pro ĝiaj arta kaj arkitektura riĉecoj, teritorioj de la regiono kaj de centra Italio.
Fortikaĵoj, placoj kaj stratetoj, preĝejoj, sonorilturoj, palacoj, diverstipaj muzeoj, la plej granda Mariana sanktejo en Italio, la ĉirkaŭaj naturaj protektataj regionoj kaj kamparo fekunda, taŭga por ĉiuj kultivaĵoj (precipe olivarboj kaj vitejoj) ofertos al ni interesan rigardon tra la historio de tiu regiono ek de prahistoria epoko tra mezepoko, ĝis nuntempo.
La organizantoj proponas kulturajn programerojn, kiuj konatigos nin kun la koloroj kaj spirito de la italaj am-kantoj, napolaj melodioj kaj popol-kutimoj.
La faka programo promesas al ni vojaĝon tra la historio de la fervojo en la lando, kiu ekipiĝis per fervojlinio ek de 1839 per inaŭguro de la etapo Napoli-Portici (7 km), kaj kiu nun fieras pri iuj inter la plej modernaj grandrapidecaj trajnoj en Eŭropo.
Tiun fruan historion de la Itala Fervojo kaj ĝian evoluon sekvis ankaŭ la fervojista movado. Preskaŭ samtempe kun la apero de esperantaj grupoj en Italio estis menciitaj la unuaj fervojistaj esperantistoj, inter ili fervojistoj Filippi (1906) kaj Nanni (1909). La 1an de marto 1922 - fare de fervojistoj Ottavi, La Mura kaj Giuseppe Quarone - stariĝis en Torino Itala Fervojista Esperanto-Asocio (IFEA), kiu ricevis tiutempe helpon flanke de ministerio pri Fervojo.

En 1926 la libertempa porfervojista organizo "Dopolavoro Ferroviaro" akceptis la Esperanto-grupojn, kaj en 1929 la asocio jam havis grupojn en Torino, Roma, Trieste, Voghera, Udine, Mantova, Verona Gorizia, poste en Napoli. Multaj aktivuloj bone konservis kaj daŭrigis la laboron de la antaŭuloj. Ĝis nun en Italio oni organizis kvin internaciajn IFEF kongresojn: 1954 en Verono, 1970 en Rimini, 1978 en Romo, 1993 en Cervia, 2009 en Trieste.
Enkadre de la Itala Fervojista Esperanto-Asocio (IFEA ), nuntempe kun sidejo en Bologno agadas s-ro Romano Bolognesi, honora prezidanto de nia federacio, 9 jarojn kiel sekretario kaj 12 jarojn kiel elstara prezidanto de IFEF.
Ankaŭ nuntempe estas multaj tiuj, kiuj alportas ilian kontribuon al la historio de fervojista itala movado.
Nome de IFEF mi kore dankas al ĉiuj italaj fervojistoj esperantistaj, kaj ĉefe al la tuta teamo de la organizantoj pro ilia sindona agado por prezenti al ni interesan rigardon pri la kongresa lando dum la laŭtemaj programeroj.
Mi deziras konkretigi tiujn dankojn per honorigo de kelkaj inter ili, kiel ni faras okaze de ĉiu kongreso dum solena inaŭguro.
Kiel vi jam konstatis, la Loka Kongresa Komitato faras ĉion eblan por plifaciligi nian restadon ĉi tie. Estas laboro de teamo al kiu apartenas ankaŭ s-ro Tomba.
- **Gianfranko Tomba**, agema persono kiu, kvankam ne estas fervojisto, tamen dum jaroj estis inter la kunlaborantoj por la bulteno Itala Fevojisto, kie tre akurate, altnivele kaj trafe revizias la tekstojn. Nuntempe li estas kasisto de IFEA, estas taksita kiel unu inter el plej fervoraj kaj fidelaj membroj de tiu asocio, kiun ni deziras honorigi per Honora Diplomo de IFEF por lia tuta agado kadre de Itala Asocio.
- s-ro **Fausto Calabresi**, prezidanto de la Provinca Komerca Konfederacio, iĝis amiko de ni ekde Libereca kongreso. Li estas gravulo de tiu ĉi bela kaj gastema urbo sen kies afabla invito ne estus okazinta IFEF kongreso ĉi tie. Li evidentigis ankaŭ per daŭra subteno de la LKK dum la organizaj laboroj. Pro tio, ni plezure honorigas s-ron **Calabresi** per Honora Diplomo de IFEF.
- Estas inter ni persono sen kies trafa kaj ĝustatempa reago en Liberec eble la nuna kongreso ne estus ĉi tie. Ni konas ŝin ne nur kiel edzinon de Romano Bolognesi, sed ankaŭ kiel diskretan personon, ĉiam helpeman per siaj saĝaj konsiloj, kaj de longtempe fidela membro de itala asocio. Kun granda plezuro ni honorigas s-inon **Elisa Gualandi** per Honora Diplomo de IFEF.
- **Vito Tornillo,** nuna sekretario de IFEF, transprenis kuraĝe la taskon de prezidanto de LKK , kiun li plenumis perfekte. Ni dankas al li per speciala dankletero pro lia sindona laboro kiel organizanto, por kontentigi altnivele ĉiujn niajn postulojn.
Gratulojn al ĉiuj!

Se ni rigardas la temojn de la fakaj prelegoj ni konstatas kiel aspektas nun la fervojo ĝenerale, kaj en Italio speciale; ni konstatas ke la mondo evoluas, kaj kune kun ĝi la fervoja trafiko evoluas kaj iĝas pli kaj pli internacia, rapida, ekonomia… do, alloga. Estas esenca nia adaptiĝo al tiu evoluo! Je novaj defioj, novaj strategioj

pli kuraĝaj estas bezonataj por pli efike plenumi la ĝeneralajn taskojn de IFEF, de landaj asocioj, de nunaj komisionoj kaj komisiitoj.
Profitante la novan strategian planon de UEA kaj sekvante ĝiajn indikojn, la nova laborplano de IFEF por la sekvontaj tri jaroj devus esti rezulto de multe pli konkreta kunlaboro, de multe pli komuna perspektivo de la respondeculoj de nia federacio pri ties estonteco.
La taskoj de tiu laborplano - anstataŭ resti iom abstraktaj - devas speguli kun granda respondeco la nunan staton de IFEF, kaj ĉefe respekti la bezonojn de nia membraro, adresi al la majoritato kaj ebligi ĝian uzadon en praktika vivo, ĉar unu el la kialoj kiuj povus kaŭzi la falon, estas manko de aplikado de Esperanto.
Ni ĉiuj konsentas, ke IFEF bezonas fervojistojn. La demando estas: ĉu fervojistoj bezonas la nunan IFEF-on, kaj kiom grade? De kelkaj jaroj tiu demando estas pli kaj pli evidenta. Anstataŭ aludi al ekonomia krizo, al maljuniĝo de fervojistaro, al malkresko de dungitoj en fervojaj entreprenoj, ni ekpensu pri pli flekseblaj kaj adaptiĝemaj strukturoj en la kadro de tiu naskiĝanta tutmonda socio.
Por ke la rezultoj de niaj debatoj ne restu preskaŭ nulaj, mi proponas alfronti pli kuraĝe la realon, kaj ne hezitu helpi per niaj konkretaj kontribuoj dum tiu ĉi kongreso al plibonigo de nia komuna agado.
Por interŝangi spertojn ni profitu la ĉeeston de plurjara oficiulo de UEA, s-rino Barbara Pietrzak, de la reprezentanto de la plej juna LA, la ĵus starigita KEFA, Miguel Gonzales kaj de multnombra delegacio de niaj ĉinaj kolegoj, de israelaj samideanoj, ni profitu la daŭre akceptata kunlabora interkonsento inter IFEF kaj ILEI pere de ties nova prezidantino Mireille Grosjean, por ekkonstrui kunlabore, kadre de la movada fajro, novan strategion por la venonta periodo.
Konatigu nian fakan agadon dise en la mondo, ekrigardu ekstereŭropajn landojn kiel celpunktojn por la disvastigo de nia federacio, malfermu niajn kongresojn al reta partopreno por tiuj, kies vivnivelo malpermesas ilian ĉeeston, proponi komunajn projektojn por fakuloj apartenantaj al pluraj landaj asocioj, pli efike kunordigi la laboron kaj dividi la taskojn kaj la gvidadon kun nova generacio…povus esti nur kelkaj inter multaj rimedoj por stimuli la renovigon kaj plifortigon de nia federacio.
Eble ne tuj tiu strategio estos fruktodona, sed povas esti la unua paŝo tiudirekten… despli en tiu jubilea jaro, kiu markas la 60-an datrevenon de la unua Unesko-rezolucio pri Esperanto en Montevideo (1954), rezolucio kiu rekonis la gravecon de la internacia lingvo.
Estas konvena momento por bilanco kaj strategia reorientiĝo!

Per tiuj pensoj, en la nomo de IFEF kaj de mi persone, mi deziras al vi sukcesan, fruktodonan, esperplenan semajnon en tiu ĉi bela kaj gastema kongresa urbo, San Benedetto del Tronto.

Mi deklaras la kongreson malfermita!

**Rodica Todor**
prezidantino de IFEF

# VOJOJ AL SUKCESO
# (Kvina parto)

*En la antaŭaj kvar numeroj de IF ni aperigis la unuan, duan, trian kaj la kvaran parton de la broŝuro de Heinz Dieter Hartig. El la kvin gravaj temoj ni publikigis jam kvar temojn: „Grupoj”, „Kursoj”, „Prelego kaj raporto” kaj „Varbado”. Nun sekvas la fina temo: „Ĝeneralaj temoj”. (La numero estas daŭra).*

## ĜENERALAJ TEMOJ

### 34. Informu vin racie.

**Dispecigu informojn.** Rigardu informojn kritike. Kio hodiaŭ estas grava, povas esti morgaŭ senvalora.

**Forĵetu informojn**. Nur malgranda parto de la ĉiutagaj informoj valoras esti registrataj.

**Kuraĝu ellasi ion.** Ne eblas scii ĉion.Observu atente – sed ne aprezu ion senkritike.

**Akcentu** kaj koncentriĝu je gravaj temoj. Akcentu ankaŭ la randtemojn, sed ne perdu la superrigardon.

**Informiĝu racie.** Konservu nur la por vi gravajn informojn.

### 35. Ŝparu tempon.

**Kunpremu** ĉiam libron aŭ paperon. Uzu la tempon dum vi devas atendi.

**Racia depono** de via materialo en kartaro aŭ mapoj.

**Uzu stampilon** anstataŭ skribi vian adreson aŭ alian konstataĵojn.

**Respondu tuj** vian korespondanton.

**Notu tuj** adresojn, telefonnumerojn ktp.

**Direktu** vian intereson al gravaj aferoj. Ne flankeniĝu.

**Traktu vian tempon ŝpareme!**

**36. Solvi problemojn. (Enpenetru en la problemon!)**

**Celanalizo.** Kion mi serĉas, intencas? Kion mi scias pri tio? Kion mi celas? Ĉu mi povas precizigi la solvon?

**Situacia analizo.** Kio estas konata? Kia estas la situacio? Al kiu fako apartenas la afero? Ĉu ekzistas specialaj distingiloj? Ĉu ekzistas fundamentaj interdependoj?

**Konflikt-analizo.** Kial mi ne sukcesas? Kiuj malhelpaĵoj ekzistas? Priskribu la malhelpaĵojn! Kiuj rilatoj mankas?

**Rimed-analizo.** Kion vi bezonas? Kio estas je mia dispono? Kiu vojo povus konduki al la sukceso?

**Specialaj metodoj.** Skribu per aliaj vortoj. Skizu la aferon. Zorgu pri korekta nomigo. Enkonduku help-faktojn (similajn aferojn). Simpligu la esprimojn. Konkretigu la aferon. Divenu la solvon. Esploru ĝisnunajn rezultojn. Dividu demandojn en subdemandojn. Komparu kun jam konataj faktoj. Ŝanĝu la sinsekvon de la faktoj. Serĉu la solvon per troigo.

**Starigo de solvoplano.** Per kio mi komencu? Per kio mi daŭrigu? Kion mi devas fari krome? Kiuj helpiloj aŭ metodoj estas utilaj?

**Efektivigo.** Ĉiu paŝo devas esti ekkonata kiel korekta. Pruvu ĉiun paŝon. Ĉe nova problemo komencu denove per titolo.

**Finresumo.** Kion mi atingis? Kiel nun aspektas la problemo? Kion esprimas la rezulto? La solvmaniero: Kiamaniere vi sukcesis? Kiujn rimedojn mi utiligis? Kie estis la malfacilaĵoj? Ĉu mi prefere uzu alian vojon?

**Pruvo kaj ekzameno.** Ĉu la rezulto konfirmas la antaŭan supozon? Ĉu mi ĉion faris? Al kio mi fidis sen profunda esploro kaj pruvo?

**Spertoj por similaj estontaj aferoj.** Kiom utilas la rezulto por mi? Ĉu mi povas utiligi la rezulton por solvi aliajn problemojn? Fiksu la vojon kaj solvon de la problemo en via komputilo.

**37. Antaŭ la legado. Pri libroj.**

**Titolo** indikas la enhavon.

**Verkinto.** Kiu parolas? Kiu li estas? Kiun starpunkton li havas? Kiujn kontraŭulojn li havas? Kian stilon li havas?

**Kovrilo.** Informas pri la intenco de la libro. Kritikoj, ĵurnal-eltiraĵoj, indikoj kiel kaj kial oni skribis tiun libron?

**Eldonej-indikoj** sur la titolpaĝo kaj ties dorsoflanko. Kie kaj kiam aperis tiu libro? Originala aŭ tradukita? Eldonkvanto?

**Antaŭparolo.** Kiu verkis ĝin? Kion ĝi diris? Ĉu mi konas ĝin?

**Enkonduko** de la verkinto kondukas en la traktatan temon, aŭ mencias la preparlaboron por la libro.
**Grave, se la temo estas nekonata!**

**Enhavlisto** dispecigas la materialon. Vi povas vidi, kio estas traktita, kaj kio mankas.

**Titoloj** de la ĉapitroj perfektigas la enhavliston.

**Bildoj** estas gravaj helpiloj.

**Resumo** ĉe la fino de la libro ripetas la plej gravan enhavon (ripethelpo).

**Registro** kaj nomindiko informas pri la laboramplekso por la libro.

**Fakvortisto** helpas la lernanton. Tie oni povas ekkoni la gradon de la malfacileco, kiu vin atendas.

**Literaturindiko** informas pri la ebleco daŭrigi kaj specialigi.

**Oni povas tie ofte konstati, ke alia libro estas pli taŭga!**

**Postparolado** mencias netraktitajn aferojn.

**Eldonreklamo** pliaj titoloj pri la sama aŭ similaj temoj.

*Jen la lasta temo. Mi esperas, ke helpe de la broŝuro de Heinz Dieter Hartig ni ricevas iun imagon kaj proponon por atingi sukceson en la kadro de la fervojista Esperanto-movado. Uzu tiujn valorajn proponojn, kaj havu plenajn sukcesojn kaj rezultojn.*
*IFEF havas multajn malfacilaĵojn, kiujn la komitato de IFEF traktis dum la 66-a IFEF-kongreso, okazinta en la itala urbo San Benedetto del Tronto. Venis multaj proponoj por plibonigi la laboron, kreskigi la membro-nombron de nia Federacio. Mi pensas, ke ankaŭ la proponoj de s-ro Hartig povos kontribui al la plibonigo kaj solvo de IFEF. En la nomo de la fervojistaj esperantistoj mi dankas al s-ro Hartig tiun valoran laboron.*

**La redaktoro**

# Proponoj por la Strategia Laborplano de IFEF

La principoj de la nova strategia laborplano de IFEF:

1/ Estu adaptita al tiu de UEA (2013-2017) kaj kreita surbaze de la Statuto de IFEF;

2/ Korespondu al oficperiodo de la estraro;

3/ Ellaboru subplanojn por ĉiu organiza jaro, ekz.:
- 2013-2014; 2014-2015; 2015-2016;

4/ Por plibonigi la organizan kernon, krom Faka Komisiono kaj Redaktora komisiono **starigi novajn laborgrupojn**, kiuj okupiĝu pri la ĉefaj agadkampoj kaj trovu aktivulojn pretaj kunlabori en tiuj laborgrupoj;

5/ Uzu la nunajn fortojn en teamoj kun novuloj, por transdono/transpreno de informoj kaj interŝanĝo de spertoj, cele prepari novan generacion de aktivuloj ;

6/ La respondeculoj de tiuj laborgrupoj konservu ankaŭ la nunajn taskojn, kaj nepre prizorgu konstantan komunikadon je ĉiuj niveloj;

7/ La **Faka Komisiono** sekvu la indikojn de Gv kaj Sk kaj krome disvastigi sian laboron al pliaj interesatoj, se eblas:
- havu delegiton por Internacia Scienca Asocio Esperanta (ISAE);

8/ La **Redaktora Komisiono**, krom la indikoj de Gvidanto,
- kunlaboru kun ĉiuj laborgrupoj por ricevi informojn,
- plialtigu la proporcion de reta sendado de IF;

9/ Proponoj por novaj laborgrupoj:
**- Laborgrupo pri Statuto.**
**-Laborgrupo pri instruado,** laŭbaze de la kunlabora inter-konsento kun ILEI:
- plua trejnado de instruistoj,
- kursoj kaj ekzamenoj,
- perretaj kursoj,
- internaciaj staĝoj,
- aparta programero kadre de IFEF kongresoj.

**- Laborgrupo pri eksteraj rilatoj de IFEF:**

- UEA :
  - aktiva partopreno en la diskutlisto de la Komitato de UEA, kies dosierujo FA2011-12.xlsx. estas bazo por pli konkreta traktado de perreta Faka Agado de UEA,
  - anoncoj ĉe Gazetaraj Komunikoj de UEA,
  - revuo Esperanto,
- Interkultura Centro Herzberg (ICH),
- ISAE, TEJO, EEU, UMEA, SAT, ILEI,
- amantoj de fervojo.

**- Laborgrupo pri rilatoj interne de IFEF:**

- inter LA,
- inter LA kaj aliaj enlandaj instancoj (ministerioj, sindikatoj, aliaj organizaĵoj, lokaj kluboj, Universitatoj),
- inter LA kaj Landaj Sekcioj de FISAIC,
- iniciati kaj helpi en la organizo de novaj LA,
- tutmondigo de IFEF; subteno de novaj ekstereŭropaj asocioj aŭ sekcioj.

**- Laborgrupo pri historio kaj arkivo de IFEF:**

Krom la preteco de Jan Niemann helpi tiucele, la teamo kontribuu al kapabligo de volontuloj en tiu kompetenteco.
Bona okazo por subteni la partoprenon de kelkaj niaj membroj povus esti:

*KAEST 2014 (15-a ĝis 16-a de novembro), Modra, Slovakio: temo : "Arkivoj kaj bibliotekoj — kiel protekti kaj konservi nian heredaĵon.*

**- Laborgrupo pri modernigo de informado en nuna reta epoko:**

- proponi kaj subteni junulojn por partopreni staĝojn de E@I, kiuj celas kunuzeblon de Esperanto kaj interreto,
- plibonigo de la retlisto de IFEF per ampleksa datenbazo de la retadresoj,
- ĝisdatigita retadresaro de IFEF,
- delegita reto kun faka angulo,
- diskutlisto; perretaj kunsidoj de la laborgrupoj,

- reta revuo pli vaste diskonigita,
- perreta koresponda servo,
- Vikipedio: ĝisdatigi, plibonigi, krei novajn paĝojn,
- perretaj kontaktoj ene de fervoja medio (ministerioj, FISAIC), kaj ekstere (gazetaro, radio- kaj televidelsendoj, aliaj organizaĵoj: TEJO, transportistoj).

**- Laborgrupo pri financado de projektoj**

- teamo kun spertuloj pri subvenciaj programoj por ebligi divers-specajn projektojn pri instruado, trejnado kaj serĉado, kun rilato al nia faka agado (kunlaboro kun EEU, ESF, Eŭropuniaj programoj "La Tutviva lernado - Grundtvig – Partnerado", "Erasmus+", ktp),
- uzi fondusojn por subteni instruadon kaj starigon de novaj LA,
- subteni komunajn fakajn projektojn naciajn, translimajn, interregionajn kaj internaciajn, proponitajn de diversaj laborgrupoj.

Ĉiu laborgrupo havu :
- respondeculon,
- membrojn pretajn kunlabori,
- konkretajn taskojn, kiuj kongruas kun tiuj de Statuto,
- difinitajn limdatojn por plenumi la taskojn,
- rimedojn por kunlabori.

10/ Subplanoj:

Subplano por 2013-2014
- krei kaj funkciigi la laborgrupojn,
- diskonigu ilin je nivelo de IFEF kaj aliaj instancoj,
- trovi kunlaborantojn en diversaj medioj.

Subplano por 2014-2015
- krei kaj subteni konkretajn projektojn,
- kunagadi por ilia realigo.

Subplano por 2015- 2016
- bilanci la sukcesojn aŭ malsukcesojn,
- investi en novaj projektoj.

**Rodica Todor**
prezidantino de IFEF

# Raporto de la ĉefkomitatano pri 2013

Krom dumkongresaj kunvenoj en 2013 mi partoprenis printempan estrarkunsidon, okazinta inter la 18-a kaj la 20-a de marto 2013 en San Benedetto del Tronto, Italio. Estis studitaj organizaj, financaj, redaktoraj aferoj, analizata situacio en kelkaj landoj, rilatoj de IFEF kun UEA kaj FISAIC, eĉ kun aliaj fakaj asocioj, kiel ILEI, UMEA kaj ISAE. Estraranoj kaj mi povis ekzameni la elektitajn hotelojn por loĝi kaj kunsidi, la salonojn por solena inaŭguro, por kunvenoj, spektakloj kaj ekskursojn por kongresi en 2014. Labore similan programon havis ankaŭ la aŭtuna estrarkunsido de IFEF la 22-an de oktobro 2013 en Baile Felix en Rumanio.

Mi klopodis daŭrigi kontaktojn kun individuaj membroj kaj por trovi kontaktulojn en aliaj landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan landan asocion.

En interkonsento kun estraranoj mi preparis Cirkuleron kaj Demandilon pri jarraportoj 2013 kaj sendis al la kutimaj adresoj.
En kunlaboro kun la vicprezidantino mi kolektis jarraportojn, kaj kunlabore kun la kasisto ni ĝisdatiigis la Adresaron de la IFEF-funkciuloj. Entute venis jarraportoj el 15 landoj, malgraŭ petoj kaj resendoj de demandilo ne sendis tiujn Germanio, Kubo, Norvegio, Serbio kaj Slovakio.

Mi klopodis informi pere de gazetoj kaj radiostacioj sendante al ili informojn kaj raportojn. La plej bona kunlaboro tiucela estas kun Ĉina Radio Internacia, Radio Vatikana, Radio Havano Kubo kaj Pola Retradio, kiuj plurfoje raportis pri la IFEF-agado kaj aranĝoj.

En kunlaboro kun D-ro Heinz Hoffmann mi lastjare preparis kaj rete sendis dekkvar kolektojn de fakaj informoj kun titolo „El fervoja mondo“, ĉijare ĝis nun kvar, kaj mi strebas daŭrigi tiun ĉi informan agadon. Mi dankas al D-ro Heinz Hoffmann por la kunlaboro sur tiu ĉi kampo.

Nesukcesaj klopodoj restas sur kampo por plivigligi agadon en landoj kiel Svisio, Nederlando, Svedio, Finnlando kaj aliaj, kie siatempe ekzistis bone funkciantaj landaj asocioj.

Mi kore dankas al la estraranoj, al la komitatanoj kaj al ĉiuj aliaj membroj, kiuj kunlaboras kaj helpas al mi plenumi miajn taskojn.

San Benedetto del Tronto, la 18-an de majo 2014

**Jindrich Tomísek**
Ĉefkomitatano de IFEF

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2013

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2013. La resuma jarraporto ne estas kompleta ĉar malgraŭ pluraj alvokoj ne alvenis jarraporto el Germanio, Norvegio, Pollando, Slovakio kaj Serbio.


La estraro de IFEF

## 1. La landaj asocioj

La landaj asocioj raportas pri 1129 membroj, kiu nombro estas kun 119 membroj malpli ol en la antaŭa jaro. Se ni ekzamenas la tendencon de la malkresko de la membro-nombro de fervojistaj esperantistoj, ni konstatas, ke ekde la jaro 2001 en ĉiuj jaroj grave malkreskis tiu nombro. En 2001 la membro-nombro estis 3160, en 2005 tiu estis 2310, en 2010 tiu nombro estis 1710, kaj en la jaro 2013 estis nur 1129. La kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, la gejunuloj ne venas al ni. Bedaŭrinde malboniĝas la ekonomia situacio en la tuta Eŭropo, eĉ preskaŭ en la tuta mondo, kontinue ŝanĝas la fervojaj organizoj, pro tio malkreskas la nombro de fervojistoj, kaj disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo. Laŭ la raportoj 9 landoj havas malpli ol 50 membrojn, 4 landoj havas membrojn inter 51 kaj 100, 2 landoj havas membrojn inter 101 kaj 200, kaj unu lando havas pli ol 200 membrojn. Laŭ la kotizoj IFEF nombras – kune kun la 11 individuaj membroj – 442 membrojn, kiu nombro estas kun 32 membroj malpli ol en la antaŭa jaro.

Se ni komparas la membro-nombron de IFEF kun la pasinta jardeko, la rezulto ankaŭ montras bedaŭrindan aferon. En 2001 la membro-nombro de IFEF estis 992, en 2005 estis 718, en 2010 estis 515, kaj en la jaro 2013 estis nur 442. Tio estas malgaja tendenco. En Japanio, Danio kaj Italio ĉiuj siaj membroj estas IFEF-anoj. La raportoj indikas la kreskon de emerituloj. En ĉiuj landoj la indiko egalas aŭ superas 50%-ojn ...

## 2. Taskoj de la landaj asocioj

Naŭ landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano kaj kolektis indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado.

## 3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj

Dek du landoj raportas pri interrilatoj kun la fervoja administracio. El ili ses asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunveni. Nenie troviĝas Esperanto-klarigo kaj instrukcioj en oficiala fervoja horaro. Tri landaj asocioj kontaktis kun sindikatoj, kaj du ricevis subtenon. Sep landaj asocioj havis rilaton kun la landa FISAIC-sekcio, kvar landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ alian helpon de la landa FISAIC-sekcio. Tri landaj asocioj havas oficon en la FISAIC-organizaĵoj. Dekdu landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj aŭ religiaj organizoj.

## 4. Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj

En Aŭstrio, Belgio, Germanio kaj Japanio ne okazis jarkunveno en la jaro 2013. Entute 207 partoprenantoj ĉeestis dum la jarkunvenoj sen eksterlandaj gastoj. En kvar jarkunvenoj okazis fakprelegoj aŭ distraj kaj ekskursaj programoj. Kvin landoj aranĝis aŭ partoprenis fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

## 5. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj

Laŭ la raportoj preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havis interrilaton kun sia landa asocio de UEA. Nur en Bulgario la fervojistaj esperantistoj interrilatis kun SAT organizaĵo. Ĉiuj landaj asocioj havis bonan interrilaton kun aliaj Esperanto-organizaĵoj. Entute estas 35 fervojistaj fakdelegitoj ĉe UEA. En Hispanio, Japanio, Kroatio kaj Pollando ne ekzistis fakdelegito.

## 6. Informado en la plej vasta senco

La fervojistaj esperantistoj en tri landoj aranĝis ekspozicion, en ok landoj plenumis kromajn aktivecojn (flugfolioj, afiŝoj, retpaĝoj…). Dek landaj asocioj en propra medio informis la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj pere de fervojistaj gazetoj kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj. Ses landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj.

## 7. Instruado

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj – ekcepte Aŭstrio, Danio, Japanio kaj Slovenio – raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj. Entute partoprenis 244 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉinio, Francio, Hungario kaj Ĉeĥio.

La lingvokursoj estis memstare en ok landoj, kaj kvar landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio aŭ aliaj Esperanto-organizoj.

## 8. Junulara agado

Ses landaj asocioj raportas pri entute 43 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo) el la tutaj asociaj membroj. En Ĉinio 20, en Hungario 18, en Bulgario, , Italio, Kroatio ,Japanio kaj Rumanio nur 1 gejunuloj troveblas. Memstara junulgrupo ne ekzistas. Malgraŭ propagando, kongresoj, klubkunvenoj kaj aliaj allogaj programoj akiri novajn membrojn el inter la junularo estas vana afero. Ni devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton. Tio estas la plej granda problemo en la kadro de nia movado.

## 9. Landaj organoj

En la jaro 2013 naŭ landaj asocioj eldonis propran organon. En Bulgario, Ĉinio, Danio, Francio, Hispanio kaj Hungario aperis kvarfoje, en Italio dufoje, en Rumanio dufoje rete. La japanoj eldonis ĉiumonate. La nombro de la jara paĝo estis 922, laŭlande ĝi varias inter 10 kaj 400 paĝoj. Kvar landoj eldonis ĝin pure en Esperanto. Dek landoj havis spacon en aliaj organoj.

## 10. Faka agado

Naŭ landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. La interrilato kun la RailLex grupo de UIC estas kontentiga. Sur tiu tereno GEFA agadas plej efike. Sep0 jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

## 11. Ekonomio

En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la redukto de la elspezoj povis ekvilibri la financan staton. En tri landoj la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga, sep landoj havis modestan ekvilibron. En Belgio, Ĉinio kaj Hispanio la ekonomia situacio estas malbona.

## 12. Fina komentario

La ĝenerala situacio de la fervojista Esperanto-movado ne estas bona. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro de la asocioj, la manko de gejunuloj, kaj la manko de intereso por Esperanto inter fervojistoj. Estas grava problemo, ke kontinue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membro-nombro de IFEF. Ni devas trovi taŭgajn metodon kaj eblecojn por plibonigi la laborojn de niaj landaj asocioj kaj la agadojn de IFEF, helpe de la Laborplano de IFEF.

**Sylviane Lafargue**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud”
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE

UEA-konto: iffk-o

Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro

Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz

## PER ENGEN
## (01.06.1924 – 25.05.2014)



Kun profunda kordoloro ni sciigas la fervojistan esperantistaron, ke Per Engen – kelkajn tagojn antaŭ sia 90-a naskiĝtago – la 25-an de majo 2014 forlasis nin.
Li estis membro de la Norvega Esperantista Fervojista Asocio ekde 1952. Dum sia vivo li dediĉis multajn tempojn kaj energion al Esperanto. Li estis norvega IFEF-komitatano dum multaj jaroj, estis fakdelegito de UEA pri fervojaj aferoj, eĉ landa delegito de SAT. Li agadis sur la tereno de la terminara laboro. Jam en 1968 oni eldonis Fervojan Terminareton – norvega – Esperanto – norvega – kiun verkis P.J.Krogstie kaj P. Engen.
Li aktive partoprenis en la laboro de la Faka Komisiono de IFEF. Li verkis multajn fakprelegojn, kiujn li konigis dum UEA- kaj IFEF-kongresoj.
Pro lia entuziasma kaj efika agado la komitato de IFEF en 1980 elektis lin Vicprezidanto de IFEF, kiun postenon li okupis ĝis 1988, kaj inter la jaroj 1990-1998 li estis la prezidanto de IFEF.
Li ricevis distingojn en 1988 „Honora Membro de IFEF”, en 1998 „Honora Prezidanto de IFEF”, kaj samtempe „Ora Medalo de FISAIC”. Krom ĉiuj meritoj Per estis ĝentila homo kaj bona amiko. Multaj IFEF-anoj memoras lin, kaj gajajn horojn kun li.
La funebra ceremonio okazis en la urbo Hamar la 2-an de junio. Poste la ĉerkon oni alportis al Drangedal, kie la edzino de Engen estas enterigita. Per la morto de Per Engen la Esperanto-movado, kaj ĉefe IFEF perdis meritplenan membron.
Kara Per ripozu en paco!

**La Redaktoro**